# juna amiko




Internacia
Kvaronjara
Lernejana
Esperanto-
Revuo

eldonata
de

Internacia
Ligo de
Esperantistaj
Instruistoj

ilei

Numero 65 93/2

Arkimedo saltis el sia ban-kuvo kaj kriis: "Eŭreka!" kaj komprenis ion gravan pri la denseco de ban-akvo. Poste, Neŭtono sidis sub pom-arbo kaj pomo falis sur lian kapon. Li kriis ion alian ol "Eŭreka!" kaj malkovris graviton. Pli poste, iu alia sen-noma homo malkovris trian bazan principon de la universo: *"Laboro kreskas por plenigi la tempon, kiun oni disponigas al ĝi!"*

En aliaj vortoj, se la ĉefo krias: "Tiu projekto estu preta post ok tagoj!" ĝi ja estos preta post ok tagoj. Sed se la ĉefo krias (pli laŭte, forte kaj insiste): "Tiu projekto estu preta post kvar tagoj!!" ĝi *ja* estos preta post kvar tagoj!

La sama leĝo validas ne nur pri tempo, sed ankaŭ pri spaco. Se vi havas en via domo unu ŝrankon, viaj okdek libroj iel eniros ĝin. Vi eble devas iujn ŝovi, iujn faldi, iujn premi, iujn enŝtopi horizontale super la vertikalaj ... sed ili eniros. Ĝis iunokte okazas spontana eksplodo. Vi serĉos solvon. Duan ŝrankon! Jen perspektiva, abunda, bona solvo, eĉ se ĝi restos duone malplena. Sed ene de dek minutoj de la enmeto, ĝi estos jam tute plena kaj post dek kvin viaj cent dudek libroj jam klopodos eksplodi ĉe ĉiuj randoj! Vi baldaŭ malkovros, ke vi komencas paŭzi surstrate antaŭ montro-fenestroj de meblobutikoj naskante ideojn pri tria ŝranko!

Klare ĉi tiu baza leĝo de la universo validas por *Juna amiko*. Kiam ni grandigis ĝin de 24 al 32 paĝoj, ni pensis: "Kiel ni plenigos la novajn paĝojn? Ni luktos ĉiunumere. Ni antaŭpreparu stokojn da kvizoj, dungu rubrikestrojn..." Nenecese. Jam la demando estas: "Kion ni ellasu?"

Vidu la buntan proponon: Rak bildstrie, tuta familio Corsetti, poem-enigmo de Majk Sadler, fotoj el foraj mond-anguloj, priskriboj de infanoj pri la estonta mondo, *Fabela Mondo* de Zofia Mirska por konservi ĝis jarfina kunbindo; bildstrio Gogo revenis, kartludo, rim-alfabeto, nova artikolo de Rita Rössler — plenŝtopita kaj varia numero por via frando kaj ĝuo! *SMG*

*Stefan MacGill*
*9 junio 1993.*

**Juna amiko, internacia revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)**

**Aperas kvarfoje jare::**
**februare, aprile, septembre, novembre.**

**Redaktoro: Stefan MacGill.**
**Vic-redaktoro: Esperantina Mirska**

**Adreso de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.** **ISSN 0230-1318**

**Abonprezo: Internacie ĉe UEA: 16,00 NLG. Ĉe la kasisto de ILEI 50 SEK (B. Andreasson, Södra Rörum pl. 455, S-242 94 Hörby, Svedio, pĝk. 682117-7 (Stokholmo). En Hungario: 160 HUF (donacabono por eksterlandano 300 ft.) ĉe la Hungara ILEI-sekcio: M. Kovács, Ady Endre u. 23-25c, H-1221 Budapest. Perantoj en 30 landoj; multaj ofertas nacivalutajn abonkotizojn. Reformeŭropaj landoj 300 HUF. Grandaj rabatoj (ĝis 50%) por kvantaj mendoj.**

# LA PENS-ANTO

KONCEPTIS:
Stefan MacGill
DESEGNIS:
Pavel Rak
























## Familia kontribuo

"Jen ekzemplo de familio, kiu ariĝas ĉirkaŭ *Juna amiko*, kiel en la belaj malnovaj fotoj de la tridekaj jaroj. Amike, Renato Corsetti."

Jen tri kontribuaĵoj, po unu de la ceteraj familianoj:

### Formi kvadraton!

Reguloj por ludi la ludon inventitan de Fabiano

- Oni ludas duope sur ŝaktabulo
- Oni ludas per kvar ĵetonoj blankaj kaj kvar ĵetonoj nigraj.
- En la komenco la ĵetonoj estas aranĝitaj jene:





- La ludantoj movas siajn ĵetonojn laŭvice.
- Oni rajtas movi unu ĵetonon unu kvadrateton dekstren, maldekstren, supren aŭ malsupren.
- Se la ĵetono moviĝante renkontas alian ĵetonon ĝi ŝovas ĝin kaj samtempe ĉiujn, kiuj troviĝas en la sama vico.





- Gajnas la ludanto, kiu sukcesas aranĝi la ĵetonojn en formo de kvadrato en kvar apudaj kvadratetoj de la ŝaktabulo.



*Fabiano Corsetti (8-jara)*

## Plej eta, plej peza, plej...

En Hindujo homo nomata Surenda Afarja (Apharya) sukcesis skribi 1341literojn sur unu grajno de rizo. Temas pri la plej malgranda skribaĵo en la mondo.

* * * * *

La virino Henrieta Hoŭerlend Grin (Henrietta Howerland Green), kiu naskiĝis en Robinson en 1835 jaro estis la plej avara homo en la mondo. Ŝi havis 95.000.000 da dolaroj. Ŝia filo devis permesi ke oni fortranĉu lian kruron ĉar ŝi perdis tempon serĉante malpli kostan malsanulejon. Ŝi vivis per malvarma avenkaĉo ĉar ŝi ne volis elspezi monon por varmigi ĝin.

* * * * *

La plej peza homo en la mondo estis G'on Brau'er Majnok (John Brower Minoch), kiu naskiĝis en Vaŝintono (Washington), en la jaro 1941. Laŭ profesio li estis taksiisto kaj li pezis 442 kilogramojn en 1976. 18 monatojn poste oni portis lin al malsanulejo ĉar lia koro ne eltenis. Oni bezonis 10 homojn por porti lin al la malsanulejo, kie li kuŝis sur du litoj. Li pezis 635 kilogramojn. Li observis rigoran dieton kaj dum du jaroj li perdis 216 kilogramojn. Li mortis en 1983, kiam li pezis 306 kg.

* * * * *

Ĉi tiujn tri informojn sendis al *Juna Amiko* Gabrielo Corsetti, 10-jara knabo, kiu tradukis ilin el la libro de rekordoj *Il Guinness dei primati 1992*, eldonita en Italio fare de Arnoldo Mondadori Editore.

## Konkurso proponata de Anna Löwenstein

Laŭ la Libro de Rekordoj de Guinness, la plej longa vorto en la mondo estas kunmetita vorto en la sveda lingvo el 130 literoj. Ĝi donas ekzemplojn malpli longajn ankaŭ el aliaj lingvoj, ekzemple la plej longa vorto en la hispana estas "superextraordinarissimo" (eksterordinaregega) el 22 literoj. Sed kiu estas la plej longa vorto en Esperanto?

floccinaucinihilipi-
lification...



Sendu viajn proponojn al *Juna Amiko*, kaj ni sendos la plej bonan al la Libro de Rekordoj de Guinness, por ke oni listigu ĝin inter la aliajn lingvojn. Cetere, la Libro de Rekordoj jam donas informojn pri Esperanto, klarigante, ke ĝi tute ne havas malregulajn verbojn.

# Besto-enigmoj

En ĉiu el la unuaj du strofoj trovu rim-paron (du bestonomojn, kiuj rimas inter si – ekzemple **foko/koko**)



Ambaŭ loĝas ĉe la domoj
Unu ludas ĉarme
Vidante la alian, homoj
krias "ve" alarme.

Unu kuras tra l'arbar'
ne staru vi survoje
l'alia el ĉi-rimopar'
maĉadas herbon ĝoje.

*Do, nun vi havas kvar bestonomojn, ĉu ne? Kaj nun...*

Per komenclitera kvaro
estu jena vortofaro:
Timu vi sur la glaci'
se aŭdiĝas tio ĉi!

*Bone, kaj nun en ĉiu el la sekvaj du strofoj trovu anagramo-paron (du vortojn kiuj enhavas la samajn literojn, ekzemple muso/sumo. En la subaj strofoj ĉiuj kaŝvortoj estas bestonomoj)*




L'unua kuradas kun ĉas-amikar'
Al ĝi plaĉas manĝo vianda
sed tiun ĉi, strange, tre ĝenas najbar'
tre proksima (bestet' tre malgranda)

Ŝajnas por unu, ke naĝi
estas la ĉefa plezuro
l'alia preferas vojaĝi
ĉiele post ama murmuro.

*Kaj nun prenu la tri malsamajn komencliterojn, aldonu du vokalojn kaj...*

Lastfoje trovu beston vi
(la literoj gvidas)
ankoraŭ ne? Nu, ankaŭ ĝi
ne tre bone vidas!

*Mike Sadler, Britio/Hungario*

# Albanio, Kievo, Kalifornio!





Klaso de lernantoj en Tirana, kies detaloj aperis en JA 93/1 (p.26) ĝoje akceptis gastojn Gintaras el Litovio kaj Tamas el Hungario last-somere. Ili pozas antaŭ la Palaco de Kongresoj kun la instruisto, Bardhyl Mezini (tria de maldekstre). Kiu volas kontakton kun albanio skribu al s-ro Mezini, Rr. Maliq Muco, Pall. 50. ap 3, Tirana.

**Lernantoj en Lernejo Freese, San Diego, Kalifornio, montras sian simian ganto-pupon, kiu kapablas paroli <u>nur</u> Esperante! Ili estas Velama, Jason, Aylline (11-jaraj) kaj Glen (12-jara). Mure videblas impona prezentaĵo de leteroj ricevitaj el la tuta mondo pere de la projekto "Mondo-rondo". Por aliĝi, skribu al: 3876 Belmont Ave, San Diego, CA-92116, Usono.**



Kelkaj el la lernantoj dum la leciono kadre de Esperanto-klubo en Kievo, Ukrainio.



Fratinoj Judit, Zsofi kaj Zsuzsa Polgár, ĉiuj mondfamaj ŝak-ĉampionoj, alrigardas la mondon, kiu malfermiĝas al ili. Multaj esperantistoj ne konscias, ke la tuta familio Polgár, inkluzive gepatrojn Laszló kaj Klara estas esperantistoj. S-ro Polgár ellaboris sistemon de edukado por maksimume evoluigi la latentajn kapablojn de infanoj — nome, por krei geniulojn. Tiu sistemo vidas klaran kaj utilan rolon por Esperanto.

# Pupoj en Papa

Grupo de Esperanto-gelernantoj el zagrebaj lernejoj, kiuj lernas Esperanton en siaj lernejoj per la helpo de Internacia Kultura Servo veturas al deklamkonkurso en Papa en Hungario la 3-an kaj 4-an de aprilo de 1993. Zagrebanoj prezentos sin interalie per eta pupteatra programo, kiun gvidas ks-ino Nevenka Imbert, esperantistino de la teatro "Kvak". La zagreba pupteatro "Kvak" estas fama pro siaj pupoj faritaj el sekigitaj legomoj. La legomoj kreskas en ĝardena kaj kampoj kaj nomiĝas kolokinto. Ĝi ne estas manĝebla. Dum preparoj por la vojaĝo al Hungario, Ana Beroŝ, verkis la jenan hejman taskon, kiun ni sendas al vi. Bela ĝi estas, ĉu ne?

## Esperantisto esperas

En la komenco de aprilo, kvar gejunuloj esperantistoj kun mi kaj nia instruistino de Esperanto vojaĝos al Hungario. Tie ni havos nian prezentadon kun pupoj. Mi havas du rolojn. Mia unua rolo estas pupo Kukurbeto. La pupo estas farita el kolokinto. Kukurbeto estas malsaĝa pupo ĉar ĝi havas vakukapon. Kvankam ĝi estas malsaĝa, ĝi estas mia plej kara pupo. Mia dua rolo estas pupo Muso. Ĝi havas belan domon kun floroj. La plej bona amiko de Muso estas Heliko. Mi ŝatas esprimojn de la Muso kaj ĝiajn orelojn. Ĝi estas la plej kara pupo kun ĝoja voĉo. Mi tre amas pupojn el la pupteatro "Kvak" same kiel ĉiuj miaj geamikoj – esperantistoj. Ankaŭ mi ŝatas ludi kun ĉarmaj pupoj. Mi esperas, ke nia prezentado plaĉos al la infanoj en Hungario. Se mi ne esperus mi ne estus esperantisto.

*Ana Beroŝ, Elemanta lernejo Josipa Raĉica, Zagreb, Kroatio.*

# Gogo, Viko kaj amikoj revenis!

**Kvankam nek Gogo, la fama testudo, nek la senfine movadema Viko rolas en la suba bildstrio, ili sendis aliajn amikojn amuzi nin ĉi-foje! Koran dankon al aŭtoro kaj desegnisto Martin Weichert. Ekde nun ĉi tiu bildstrio aperos regule denove en *Juna amiko*.**



# Arboj kaj birdoj ankaŭ ne plu ekzistas Infanoj skribas pri sia estonteco

**Eldonita germanlingve de : Margitta Meinerzhagen**
**Eldonejo: Rasch kaj Rohring, Hamburgo**
**Selektis, tradukis kaj sendis la tekstojn laŭ speciala permeso de la eldonejo: Nora Caragea, Frankfurto**

*Originala titolo: Bäume und Vögel gibt es auch nicht mehr – Kinder schreiben über ihre Zukunft. Herausgegeben von Margitta Meinerzhagen, Verlag: Rasch und Röhring, Hamburg.*

En niaj sekvontaj numeroj de *JA*, ni intencas aperigi po kelkajn el la tekstoj verkitaj de la infanoj. La sekvaj citoj el la antaŭparolo kaj enkonduko de la libro klarigas la devenon kaj celon de la verkoj.

*El la klapa teksto:*
Niaj infanoj timas. Ĉi tion, sed krome ankaŭ siajn dezirojn kaj esperojn ili notis. El miloj da kontribuoj la aŭtorino selektis 180 eseojn. La sep ĝis dekk-vinjaruloj, tiel montriĝas, nin multe antaŭas en sia konscio pri la situacio de la mondo. Dek jara knabo skribas: "La mondo estas ruino, se oni ekkonas tion, tiam estas tro malfrue, tiam plu ekzistas nek arbo nek herbejoj. Kaj alia "Se tio tiel pludaŭras pri la aermalpurigado, ankaŭ la hundoj formortos."

Sed la infanoj ne rezignacias. Ili volas vivi, en siaj eseoj ili alfrontas, kio minacas ilin. Ili donas laboron al la senlaboruloj, forigas la armilojn, nuligas la malsaton, helpas al la malriĉuloj kaj batalas kontraŭ malamikeco je eks-terlandanoj. Parti-taktikaj konsideroj, apelacioj al la respondeco de la in-dustrio, la nombrado de tankoj flanke de la militistoj: malŝparo de tempo, tio ja nur malrapidigas! Ni atentu, kion skribas niaj infanoj. Eble nia mondo ja tamen havas estontecon.

En 180 eseoj niaj infanoj priskribas, kion ili atendas de tiu ĉi mondo, kiun ni postlasas al ili. Estiĝis emocia dokumento de nia tempo – apenaŭ iu alia informas tiel trafe pri la vera stato de la mondo, sen pretekstoj, sen eŭfemis-moj.

*El la antaŭparolo:*
... La aŭtorino, patrino de kvin infanoj, demandinte sin mem, ĉu vere havas sencon ankoraŭ plenkreskigi infanojn, demandis infanojn inter sep kaj dekk-

vin jaroj, kiel ili imagas la estontecon, kiam ili mem estos 30-jaraj ...

... Skribas unu el la infanoj: "Legante la gazeton mi timas". Timo pri la propra estonteco estas la grava temo de tiuj infanaj tekstoj.

... Kaj ne temas nur pri la individua timo, sed timo pri la specio *Homo sapiens*, temas pri la zorgo pri la homaro ...

... Sed koncerne la tekstojn kolektiĝintajn en tiu ĉi libro mi konstatas, ke la malgrandaj mondcivitanoj ofte multe pli konkrete timas ol la grandaj. Ofte la timo de la plenkreskuloj malpli disvolviĝas, kiam minacas grandaj danĝeroj, tiel ke ili pli timas la dentiston ol bombon aŭ epidemion; ne malofte infanoj posedas fortan konscion pri katastrofoj, ĉar ilia fantazio estas ankoraŭ sufiĉe forta por povi imagi tion konkrete ...

... En tiuj tekstoj, al la pastraĉaj ortodoksuloj same kiel al la etcerbaj militemuloj okazas la kiel eble plej terura: Ili tute ne estas menciitaj. Neniu infano strebas iĝi episkopo, nek generalo...

... La plejmulto el la knabinoj deziras havi infanojn. Eĉ se la timo pri la estonteco kaŭras en iliaj nukoj, ili volas povi esperi ...

*El la enkonduko:*

Kiel patrino de kvin infanoj fortege interesis min la demando: Kion infanoj de hodiaŭ atendas pri la mondo de morgaŭ? ...

... Ĉu la geknaboj nun sep ĝis dekkvinjaraj vidas ankoraŭ lumon ĉe la fino de la tunelo, ĉu ili entute havas ankoraŭ ŝancon? Oni povas klare respondi al la demandoj: la infanoj notis tion ...

... Por niaj infanoj progreso plej ofte ne plu signifas: "Kiam mi estos plenkreska, mi iĝos piloto aŭ lokomotivestro". Kontraŭe, por preskaŭ ĉiuj infanoj progreso estas rapidega veturo malsupren. Tamen la infanoj adaptiĝas al sia medio – sur la flugiloj de fantazio ili multege superas nin. Multaj



firme decidis fari sian kontribuon por savi kio estas ankoraŭ savebla ...

... Ili trovas novajn vortojn, inventas novajn nociojn kaj surprizas per neantaŭvideblaj pensludoj: "Dum varma printempa nokto oni atakis la Berlinan muron, tiujn pikdratojn kaj entute ĉion, kio disigas germanojn de germanoj". "Estus ja strange, se milito estus, kaj post unu horo iu diras: Paŭzo! Meze de la milito"...

... Tiel multfacetaj kiel la eseoj estas ankaŭ la aŭtoroj. Ili devenas el ĉiuj partoj de Germanio, el Aŭstrio, Svislando kaj Belgio ...

... La kontribuoj prezentas momentecon, ili prilumas nian tempon. Sed kiajn konkludojn ni povas tiri el ili? La infanoj severege kritikas la plenkreskulan medion. Decidanta fakto estas: Ni vivas en unika epoko. Infano rigardanta la mondon devas ekkoni, ke ĝi ne plu havas estontecon. Despli tragike, ke klare evidentiĝas kiel radikale la infanoj retrotirus la remilojn eĉ dum la katastrofo ... se ni nur permesus al ili. La infanoj havas estontecon. Pri tio ili skribis al mi. Sed kian estontecon?

Je mia peto, ke infanoj skribu al mi pri sia estonteco, mi ricevis milojn da kontribuaĵoj. Ili estas aŭtentikaj kaj atentokaptaj, plenplenaj de fantazio kaj surprizas pro ilia senindulga kulpigo. Niaj posteuloj skribas pri ilia timo je tio, kion ni estis kreantaj. Mi kunmetis la eseojn sen sciencaj aŭ statistikaj kriterioj, tiel ke evidentiĝas la larĝega spektro de la ideoj en tiu ĉi libro.




## Miaj grandaj vojaĝoj.

Ofte mi revas pri vojaĝoj al foraj landoj, ŝatas legi vojaĝraportojn kaj rigardi mapojn. Pro tio mia profesio jam estas elektita: Mi estos televida raportisto aŭ ĵurnalisto de grava gazeto, ĉar tiam finfine mi povos vojaĝi kaj raporti pri la belaĵoj, interesaĵoj kaj teruraĵoj de la mondo. Kio malbona povus okazi, kiam mi estos 30-jara? La plej terura estus, se ĉiuj homoj devus ĉi-

am porti gasmaskojn, ĉar okazas eraroj en la atomuzinoj. Kompreneble tiam niaj nutraĵoj estus venenitaj, niaj riveroj povus esti kontaminitaj pro la kemio, kaj la arbaroj povus esti mortintaj.

Sed en tiu ĉi mondo mi ne deziras vivi kaj mi opinias, ke la aliaj homoj pensas same kaj helpas por eviti tiajn akcidentojn. Pro tio ne estas tiel grave por la estonteco, ke ĉie ekzistas nubskrapuloj, 20-traktaj aŭtovojoj aŭ domoj sur la luno. Al mi plej plaĉus, se la naturo povus resti tia, kia ĝi estas.

Kaj meze de tiu ĉi naturo mi deziras loĝi kun mia familio kaj ripozi post miaj grandaj vojaĝoj.

*10-jara knabino, Goch, Germanio*

## Multon ni devas ŝanĝi

Terure mi imagas la estontecon. Jam en somero la arboj faligas siajn foliojn. Se ni deziras iri eksteren, unue ni devas surmeti buŝmaskojn por ne veneniĝi. Ĉie flugadas bakterioj. Ĉiuj vilaĝoj evoluas al grandurboj. La riveroj estas nur kloakoj. Ni ne aŭdas pepi la birdojn, ni ne vidas la ĝermantajn florojn. Ekzistas nur altegaj domoj. Ĉio funkcias aŭtomate, tial neniu plu havas laboron. Ni kiel infanoj fartas tre malbone, nur malmultaj gepatroj havas laboron, infanoj ne havas herbejojn nek ludejojn por ludi. En la grandaj urboj nur krimuloj iradas. Por ke nia estonteco ne havu tian aspekton, ni devas multon ŝanĝi, tre multe.

*10-jara knabino, Westerstede, Germanio*

## Kiu scias?

Kiam mi estos tridekjara,
eble ne plu ekzistos arboj.
Kiam mi estos tridekjara,
eble la floroj
devos surmeti gasmaskojn.
Kiam mi estos tridekjara,
preskaŭ ĉiuj bestoj
jam estos mortintaj,
venenitaj de la
elmotoraj gasoj.
Ho, eble mi eĉ ne iĝos tridekjara,
kiu scias?

*10-jara knabo, Frankfurt/Main, Germanio.*



# KRUCVORT ENIGMO!!

SMG




(R) = Uzu nur radikon

## Horizontale

1. Ujo el ligno aŭ metalo aŭ alia substanco, en kiu eblas teni diversajn aĵojn.
2. Serio da arkoj, subtenataj de kolonoj, formanta pasejon. (R)
3. Prefikso montranta denovan venon al la loko de kiu oni foriris aŭ al la stato de kiu oni deiris.
4. Birdo en Japanio, kiu plonĝas suben en la akvon kaj kaptas fiŝojn. (R)
5. Sufikso signifanta: "kiu devas esti -ata pro materia aŭ morala trudo."
6. Surfaca brilo ricevita per frotado.
7. Lirika poemo, dividita en strofojn ordinare similaj inter si. (R)
8. Besto,kiu ŝatas akvon, saltas ,kvakas. (R)
9. Stranga, neatendita, nekutima, eksterordinara.
10. Ĉielan korpon, kiu ne estas memlumanta kaj rondiras ĉirkaŭ la suno.
11. Izola loko, verda kaj kvazaŭinsula meze en la dezerto kaj kovrita de vegetaĵoj pro ekzisto de fontoj.
12. Granda en vertikala kaj suprenira direkto. (R)

## Vertikale

1. Ujo el teksaĵo aŭ plasto aŭ alia uzata por enteni ŝutaĵojn aŭ porti aferojn. (R)
6. Grandiozo, fiero, fanfaronado, soleneco.
13. Granda, kvarpieda danĝera rampulo vivanta en grandaj riveroj de Hindujo kaj Afriko, aŭ esperantisto, kiu estante inter geesperantistoj komencas paroli nacilingve. (adjektive)
14. Tia, ke ia rando estas tranĉa aŭ ia pinto pika. (R)
15. Fortranĉi la harojn tuj ĉe la haŭto. Tion faras ĉiutage viroj krom barbuloj. (R)
16. Speco de gajsona perkuta instrumento.
17. Sama kiel sep horizontale.
18. Prefikso montranta, ke la grupo konsistas el ambaŭ seksoj.
19. Tendence je ripeta vojaĝado returne al la celo.
20. Kun la kvalito de bongusta suka tropika frukto, laŭ kiu oni nomas koloron.
21. "Mia patro estas pli forta ...... via patro!"
22. Persono kiu transigas ion al la koncernaj instancoj (ekzemple kandidato fine de ekzameno, aŭ konkursanto en konkurso, aŭ civitano en la imposta oficejo unufoje jare). (R)

*Solvojn sendu ĝis la 31a de aŭgusto.*
*Ni donos premiojn!*

# FABELA MONDO

KARAJ INFANOJ

EN TEMPOJ ESTONTAJ,
HODIAŬ TRE FORAJ,
LA LINGVON VI FLEGOS,
PRAKTIKOS ĜIN ARDE
KAJ DUME POR NIAJ
AGONTOJ FERVORAJ,
FABELOJN RAKONTAS
MI BARDE.

ZOFIA MIRSKA

# KOKO

RUĜA ESTAS KOKA KRESTO,
RUĜA ESTAS ĜIA VESTO,
RUĜAN LANGON ĜI POSEDAS,
KIUN MONTRAS SE OSCEDAS.



# HUNDO

KURAS HUNDO LAŬ VOJO
KAJ ANONCAS PER BOJO:
DORMAS BIRDOJ KAJ RANOJ
KAJ VI DORMU INFANOJ.



# KOKCINELO

LA MANTELO KOKCINELA
ESTAS RUĜA ESTAS BELA.
NIGRAJN PUNKTOJN ĜI SURHAVAS
KAJ INFANOJN ĈIUJN RAVAS.



## ILEI komunikas...

**Dua Gimnazio** de ILEI okazos kaj havas ĝis nun ok partoprenantojn. Lokoj ĝis dudek restas, por junuloj 13—16-jaraj. Ĝi okazos en Paterna (10 km. de Valencio, Hispanio, en komforta hotelo, de 1-7 aŭgusto 93, samtempe kaj samloke kiel la ILEI-konferenco. Gvidos s-ino Karolina Szödy el la universitato ELTE. Kosto por tuta semajno kun tri manĝoj tage: 300 NLG (200 NLG por ne-okcidentanoj).

**27-a Konferenco**: Okazos en Paterna kun ĉeftemo "La kleriga valoro de E-instruado" kun speciala atento al instruista trejnado. Lokoj restas, kosto por la semajno (3 manĝoj) 340 kaj 240 NLG resp. Eblos eĉ en la UK aliĝi, sed provu pli frue. La kotizo ne altiĝos post 31-a de majo, male al pli frue anoncita.

**Instruista kurso:** Dek du aliĝoj certigas bonan partoprenon en tiu kurso okazonta en Kultura Centro Esperantista, La Chaux-de-Fonds, Svislando, de 9-a ĝis 17-a de julio, sub gvido de d-ro Duncan Charters kaj Katalin Smidéliusz.

La kurso pri *Tendaraj Tagoj* kaj komunika instruado okzis en Poprad fine de majo kun tri partoprenintoj, ĉiuj slovakoj. Ĝi estos ripetita en klubejo "Esperejo" en Budapeŝto, 24-26 de septembro kaj en E-Centro Poprad, 14-17 de oktobro 1993. Kosto en Slovakio (kurso + loĝigo + 3 manĝoj) ekde 48 NLG aŭ 1600 HUF. Kosto en Budapeŝto (kurso + kursolibroj + 1 manĝo tage) 1000 HUF aŭ 50 NLG. Loĝigon oni peros laŭbezone. Aliĝu ĉe s-ino Erika Toth, Kinizi 6, HU-2360 Gyál., Hungario

**Tendaraj Tagoj:** La unua kajero elĉerpiĝis kaj estas nun represata. La dua eldono havas kvar novajn paĝojn kaj ok pliaj estas reverkitaj. Prezo en okcidento restas 12 NLG (po 8 NLG ekde 3 ekz.), en Hungario 120 HUF (po 100 HUF por 6 aŭ pli).

**Ekzamenoj de UEA/ILEI** restas popularaj sesioj en Jagodina, San Francisko, La Chaux-de-Fonds, Valencio, Vraca, Barlaston kaj Ĉende. La ekzamena gvidilo elĉerpiĝis, sed ILEI rekomendas al preparantoj novan verkon *Ĉu vi aŭdis, ke...?* de K. Smidéliusz, kiu ampleksas libron kaj sonkasedon kaj prezentas 25 testojn de aŭskulta kompreno. Prezo anoncota.

- Atentu! Nia kovrilo prezentas la unulingvan krokodilon nigre, por ke vi povu ĝin fotokopii, kolorigi kaj afiŝi sur muroj, gluì en viajn kajerojn k.s.
- Ni kore dankas al s-ro Fabrizio Pagliaroli el Terracina, Italio pro donacabono.

- *ILEI deziras al ĉiuj lernantoj kaj instruistoj, kiuj nun venas al la fino de la lerneja jaro agrablajn kaj respektive aventuroplenajn kaj ripozigajn feriojn!* !

---

**Kiu helpos?** Ni volonte vizitos infanan grupon en Francio por interŝanĝi spertojn kaj ludojn. Ni estas 10 gelernantoj inter 7 kaj 14 jaraj kaj 4 plenkreskuloj. Kiu pretas peri malmultekostan tranoktejon por ni? Bonvolu skribi al: Esperanto Jugendgruppe, Bernau e.V., p/a Birgit Fiebig, Eberswalder Chaussee 2, D-O-1296 Biesenthal, Germanio; tel. (++49) 3337-2513.

**Rezultoj de la 'Klubo de Legantoj'** el JA 92/3. Bone respondis Emela Mastori el Tirana, Albanio, Mirka kaj Zora Hanousková el Znojmo, Ĉeĥio.

**Solvo de la enigmo** de ursa bildo konstruita en dudek unu paŝoj estas la sekva kaŝfrazo: Juna amiko — jen via plej fidela amiko! Ĝustaj solvoj venis de László Margit el Oradea, Rumanio, Tőtős Veronika el Budapeŝto, Erdei Csilla el Gyál, gelernantoj el la baz-lernejo en Szirmabesebyő, Hungario. Ankaŭ de Gergely Erika, (kun nelegebla adreso) el Rumanio, el La Ricmarie en Francio, (kun nomo negebla). Sekve ĉiuj krom la lastaj du ricevos premiojn. Gratulojn!

**Prokrastitaj al postaj numeroj** estas ne nur pluraj kontribuaĵoj sed ankaŭ la listo de ĉ. mil bazaj vortoj uzataj en *Juna amiko* kaj demandilo por ekscii la opiniojn kaj preferojn de la legantoj pri nia nova formato. Eĉ se ni ne aperigas ĉies komentajn leterojn, ni ja atentas ilin! Do, daŭre skribu al ni kun viaj opinioj kaj sugestoj kaj kontribuaĵoj por la revuo!

# La ALFABETO en VERSOJ



**A** por abelo
al floro ĝi iras
per eta sitelo
mielon akiras.



**B** por baleno
en marajn malhelojn
ĝi kontraŭ delfeno
blovas bobelojn.



**C** por cikado
per gamba kunfroto
ric-rac-agado
somera gavoto.



**Ĉ** por ĉapelo
per ĝi pluen seke
se restis ombrelo
biblioteke




**D** por dolaroj
konservu en poŝoj
pli grandaj valoroj
ol sakoj da groŝoj



**E** por eburo
en elefant-dento
foriras sen spuro
post malakcidento



**F** por fadeno
vestaĵojn vi fliku
je nadla traveno
vi fingron ne piku!



**G** por gorilo
besto svarmhara
tra kaĝa barilo
rigardo amara.



**Ĝ** por ĝardeno
legoma aŭ flora
por gaja promeno
naturo-adora.







**H** por haveno
la hejmo por ŝipoj
post laŭta sireno
laboras la skipoj

**Ĥ** por ĥimero
miraĝo dezerta
ŝvebanta tenero
oazo necerta

**I** por insekto
en loko tropika
danĝera infekto
pro pinto trupika









**J** por jogurto
blanka frandaĵo
en mongola jurto
ŝatata manĝaĵo

**Ĵ** por ĵurnalo
novaĵojn alportas
milito, skandalo
pri ĉio raportas

**K** por kamelo
surgrimpi necesas
nur per takelo
vi eble sukcesos!








**L** por letero
skribaĵo mesaĝa
foje kun vero
foje nesaĝa

**M** por maŝino
kiu muĝas kaj bruas
kemia rafino
medion detruas

**N** por naztuko
en poŝo konservu
por viŝo de muko
ĝi vin bone servu



**O** por ombrelo
per ĝi pluen seke
se restis ĉapelo
biblioteke



**P** por piĵamo
vesto por plonĝo
post enlitiĝ-amo
en mondon da sonĝo



**R** por raketo
lanĉita al spaco
sur fora planedo
kratera surfaco.



**S** por sandviĉo
sur panpeca bazo
enhava pastiĉo
de buŝo ĝis nazo




**Ŝ** por ŝoseo
la aŭtoj rapidas
petrolo, oleo
karbon-monoksidas



**T** por telero
ronda kaj plata
sur ĝi butero
por homo malsata




**U** por ululo
uzebla en strebo
de brava lululo
por dormo de bebo



**V** por vilaĝo
loĝloko por homoj
kampara pejzaĝo
kun vicoj da domoj



**Z** por zenito
vi celu plej alte
al plena merito
klopodu ekzalte.

# La bildkarta ludo pokero

**La bildkartaro**

Por instrukcioj pri preparado de bild-ludkartoj uzataj en lingvo-praktikaj kartludoj, bonvolu legi la ilustritan artikolon titolitan "La kartludo "Krokodilo", kiu aperis en *Juna Amiko* (1991/2, p.8-9) kaj en Monato (1991/9, p.27).

Pokero estas kartludo por du aŭ pli da ludantoj. La kartaro konsistas el 51 kartoj. Estas dek serioj (grupoj da samtemaj kartoj) kun po kvin kartoj kaj ankaŭ karto nomata ĵokero, kiu povas ricevi la temon kaj koloron de iu ajn el la serioj, laŭ la deziro de la ludanto, kiu havas ĝin. La bildoj de ĉiu kvinopo povas esti nigraj-blankaj aŭ koloraj, kaj iliaj temoj povas esti bestoj, homoj, floroj, transportiloj ks. La ĵokero havas bildon de bufono aŭ klaŭno.

**La celo de la ludo**

La celo de la ludo, kiu estas dividita en partiojn, estas akiri samtemajn opojn, konsistantajn el du ĝis kvin kartoj. La valoroj de la kartaroj dependas de la grando de la serioj. Cetere, kolora opo rangas pli alte ol blanka-nigra, kaj opoj formitaj helpe de la ĵokero rangas sub tiuj, en kiuj nur la seri-kartoj estas uzataj. La rang-ordo de la opoj, de plej malalta ĝis plej alta estas jena.

1. Kvin unuopaj kartoj apartenantaj al kvin malsamaj serioj. Se neniu ludanto havas eĉ paron en la mano, tiam la gajnanto de tiu partio estas la ludanto kiu havas pli da koloraj kartoj.
2. Duopo aŭ paro da kartoj, apartenantaj al la sama serio, kun tri malsamseriaj kartoj. Kolora duopo estas pli altranga ol nigra-blanka. Kaze de egaleco, decidas la nombro de koloraj malsamseriaj kartoj.
3. Du duopoj konsistantaj el du malsamseriaj paroj.
4. Triopo kun tri kartoj de unu serio kaj du de malsamaj serioj.
5. Triopo kaj duopo kun tri kartoj de unu serio kaj du de alia.
6. Kvaropo kun kvar samseriaj kartoj.
7. Kvinopo kun kvin samseriaj kartoj.

**Disdonado de la kartoj**

Por decidi, kiu disdonos la kartojn por la unua partio, ĉiu ludanto tiras po unu karton el la kartostoko, kaj tiu ĉi procedo daŭras, ĝis iu ricevas la ĵokeron. Li estas la unua disdonanto; poste la gajninto de ĉiu partio rolas kiel disdonanto por la sekva partio. La disdonanto zorge intermiksas la kartojn kaj poste donas po unu karton al ĉiu ludanto en kvin vicoj, en la direkto de la montriloj de horloĝo. Kiam ĉiu ludanto havas siajn kvin kartojn, ĉiu aranĝas ilin en sia mano tiel, ke ili ne estu videblaj de la aliaj ludantoj. Se oni volas, oni rajtas redoni de unu ĝis kvar kartojn al la disdonanto kaj ricevi de la supro de la kartostoko novajn kartojn. La redonitaj kartoj iras al la subo de la kartaro.

**Vetado**

Antaŭ disdonado de la kartoj, ĉiu ludanto devas fari kontribuaĵojn al la ludkaso; tiuj vetaĵoj povas esti ĵetonoj, aŭ oni povas uzi alumetojn, bidojn, butonojn ks. Oni decidas antaŭe pri la valoro de tiu vetaĵo. Post disdonado de kvin kartoj al ĉiu ludanto, komenciĝas vetado surbaze de la valoroj de la manoj. Por resti en la partio, ĉiu ludanto devas meti la minimuman nombron de ĵetonoj en la ludkason, aŭ li povas altigi tiun kvanton. En tiu kazo ĉiuj aliaj ludantoj devas aldoni ĵetonojn por ke ĉiuj vetaĵoj estu egalaj. Kiu ne volas sekvi la vetadon, demetas siajn kartojn sur la tablon kun la bildflankoj sube. Dua vico da vetado okazas, post kiam tiuj ludantoj, kiuj petis novajn kartojn, ricevas ilin. Oni povas rezigni la partion, se la kartaro estas tre malforta, enpagi la minimuman vetaĵon por resti en la partio, aŭ eĉ plialtigi la vetaĵon. Tiu ludanto, kiu plej alte vetis, devas montri sian kartaron.

Se neniuj havas pli valoran kartaron, ili ne devas vidigi siajn kartojn, kaj tiu kiu montris siajn kartojn, prenas la tutan ludkason. Sed se alia ludanto havas pli altvaloran kartaron, tiu gajnas. En la kazo de du aŭ pli da samvaloraj kartaroj, la koncernaj ludantoj dividas la ludkason inter si. Por veti kaj plialtigi vetaĵojn, ne estas necese havi bonan kartaron; oni rajtas blufi, kaj se la aliaj ludantoj ne havas tro fortajn kartarojn, ili eble rezignos pro timo de perdo.

**Lingvopraktikado**

Por la celo de praktikado de Esperanto, oni montru ĉiujn kartojn al la ludantoj antaŭ la komenco de la ludo kaj priskribu la enhavon de la bildoj. Kiam la ludanto montras siajn kartojn, li diru jene: "Mi havas nigra-blankan triopon da bestoj — ĉevalo, hundo, kaj bovino, kaj ankaŭ duopon da floroj — ruĝaj rozoj kaj flavaj tulipoj". Alia ludanto povas diri: "Mia kartaro rangas super via, ĉar mia triopo estas kolora kun tri knabinoj — unu ruĝharulino kaj du blondinoj. En mia duopo estas nigra-blankaj bildoj de pejzaĝoj"




Se la ludanto, kiu gajnis la partion, ne povas bone priskribi siajn kartojn, li ne rajtas preni la ludkason. Tiam la dua plej alta kartaro gajnas. Aŭ la ne-gajnintoj en ĉiu partio devas diri kelkajn vortojn pri siaj kartoj. Tiu, kiu ne kontentige faras tion, devas pagi en la ludkason po unu ĵetonon por ĉiu bildo "sen teksto", por tiel diri.

*Bernard GOLDEN, Hungario.*



# Movado kaj aplaŭdo el alia epoko

La somero de 1993 markas la dek-jaran datrevenon de la Universala Kongreso en Budapeŝto kaj la Internacia Junulara Kongreso en Debreceno. Tiam moviĝis aŭ movadis la junuloj elane kaj amase per bicikla kaj promena manifestacio tra la ĉefaj stratoj, kulmine en gaja, giganta rondo-dancado. Kiom ŝanĝiĝis ĉio de post tiam! Nun la aplaŭdoj kaj la etoso eĥas obtuze, kvazaŭ tra tunelo longa, el tempo neniam renvenonta. *smg*



Fotoj: Fejér Zoltán



Foto: Hideg Sandor

Foto: smg





**Maldekstre: Kim, Mike kaj amiko gitar-petole sur la stacidomo de Debreceno, kiam la rok-muzika grupo 'Amplifiki' ankoraŭ idis, kaj ĝia ido 'Persone' eĉ ne estis imagita.**

**Dekstre: La kateto Pusztavács, trovita senhejma en la hungara vilaĝo tiunoma de la biciklaj karavanuloj venintaj el Nederlando, Germanio kaj aliaj landoj. Pusztavács partoprenis la tutan INK kaj UK, kiel blanka 'nigra' kongresano!**

# KORESPONDI DEZIRAS

## Belgio

**Nazé Christian** kolektas uzitajn telefonkartojn el la tuta mondo. 12 rue de Flénu, B-7390 Quaregnon.

## Ĉinio

Dek gejunuloj deziras korespondi kun geamikoj el diversaj landoj pri ĉiuj temoj. Respondo garantiata kun donaca poŝtkarto. Chen Wei Zhen, Hu Bei Shi Ni Zhi Pin Chang, Bai Sha Zhou. CN-430065 Wuhan. Ili liveros ĉinlingvajn adres-etikedojn por faciligi estontan korespondadon.

## Germanio

**Marit Bohr** 9-jara knabino, serĉas leteramikojn en la tuta mondo, ŝatas pentri, naĝi kaj kolektas poŝtmarkojn. Johannes-Kirschweng-Str.11, D-W-5483 Ahrweiler.

## Kolombio

**Andres Molano** 15-jara knabo dez. kor. tutm. pri ĉiuj temoj. Volonte interŝanĝos donacetojn. Apartado Postal 95442, Santafé de Bogotà D.C.

## Nederlando

**Noeska Rigter** 9-jara knabino deziras korespondi kun knabino el Hungario. Koekoeksbloem 5, NL-1902 GK, Castricum

## Pollando

**Adam Solak** 13-jara knabo, interesiĝas pri muziko, ludas pianon. Kaj **Tomasz Solak** 8-jara knabo, ludas pianon, kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn. Kollataja 19/7, PL-45-064 Opole.

## Slovakio

**Monika Majtejova** 13-jara knabino, kolektas bildkartojn, interesiĝas pri sporto. Budovatelska 139, 05801 Poprad 3.

**Palmira Schneiderova** 13-jara knabino. Vagonarska 61, 05801 Poprad 3.

**Gabriela Rothova** 12-jara knabino, ŝatas bestojn, interesiĝas pri sporto, moderna muziko, ŝatas naĝi kaj danci. Uralska 31, 05801 Poprad 3.

**Erika Pichnarcikova** 12-jara knabino, ŝatas sporton, ĉevalojn. Budovatielska 33, 05801 Poprad 3

**Katarina Tothova** 12-jara knabino, ŝatas bestojn, ĉefe hundojn, interesiĝas pri muziko. Uralska 3104/13, 05801 Poparad.

## Svedio

**11 knabinoj kaj 12 knaboj**, 13-jaraj. Bergfotens Skola, S-135 36 Tyreso. Deziras korespondi tutmonde kun samaĝuloj. Instruistinoj: Margareta G. Hansson kaj Boo Mee Kim-Lindblom.

## Ukrainio

**Ĉornuĥa Roman** 17-jara knabo, kolektas poŝtmarkojn, poŝtkartojn, papermonon, interesiĝas pri sporto, muziko, ŝatas legi librojn. UKR-325020 Herson-20, a/k 145.

* * * * *

*Ni senpage aperigas korespondpetojn de junuloj ĝis 20-jaraĝaj kaj de instruistoj. Bonvolu skribi ĉion tre klare. Vi rajtas sendi foton de vi mem!*

# Al Afriko ni vokas!

Dum la lastaj jaroj ILEI sendis nian revuon al dekoj da adresoj en Afriko. Ni ne certas, kiom utila ĝi estas, ĉar la plimulto el la lernantoj tie estas pli aĝaj ol niaj lernejanoj. Do, kunlabore kun UEA, ni sendas numerojn 93/1 kaj 93/2 prove al 250 adresoj, kun la revuo *Esperanto en Afriko*. Tiu revuo enhavos respondilon kaj demandilon. Per ĝi afrikanoj rajtas mendi la revuon estonte. UEA kaj ILEI kune subtenos tion. Sed ekzistantaj ricevantoj ricevos ĝin plu NUR se ili plenskribos la respondilon! Ni samtempe invitas kontribuaĵojn de afrikaj legantoj kaj petas informojn pri instruado al junuloj.

Lőrinc SZABÓ

# Loci iĝos giganto

Kverelis mi kun la fileto,
gigant' kverelis kontraŭ nan':
Vi kien? Loci!, kion faras?
Marteli meblojn ĉesu man'!
Forlasu tuj la gasfornelon,
tondilon! – tondris malpermes'.
Pistujon, ve, denove ĵetis
vi el balkon' al strata mez'.

Minac', riproĉo, ĉio vanis...
Li malatentis tute min,
la librobretoj iĝis ŝtupoj,
li per grimpad' amuzis sin.
La kakto iĝis senburĝona,
la pupon trafis sekciad'.
Pli altas mi ol vi! – sonoris
de sur la tablo ekkriad'.

Li nebrideble trivis min, sed
tre plaĉis al mi la homet',
ke lin tradraŝi mi ne devu,
fariĝis el ni lud – duet'.
Mi kaŭris jam, el la giganto
por kvaronhoro iĝis nan'...
(Ĉu por etern' validus resti
samsube, kie la infan'?)

Mi kaŭris kaj ekkreskis ĉirkaŭ
mi tuj la aĵoj de la mond',
promenis turoj de piedoj,
la malproksimo iĝis mont'.
Kaj inter la kreskiĝintaro
restinta nur la plank' por mi,
en aresteja fundo iĝis
mi povra kaptitet' – pari'.

Teruris sperti sur la planko:
malgrandas kaj malfortas mi,
angor' min kaptis en la ega
kaj ĉiopova kompani'.
Sed tuj honor', estim-perdinta
dezir' giganta levis min:
Ĉielen flugi, kiel provis
Ikaro foje jam – sen tim'!

Koler' min trafis malrapide...
Ne flugos kaj ne kreskos mi,
samkiel kaŝa bomb' streĉiĝis
mi inter muroj pli kaj pli.
Agem', venĝem' min kaptis kaj pri
kapabloj miaj tuj pruvem':
Post kvaronhor' mi malamegis
jam ĉiun formon de l' subprem'.

Ho, kia malameg' min regis!...
Kaj tiam - dum momento - bum!!!
Deŝiris li la tablotukon
kaj kuris time pro la pun'.
Eksaltis mi: vi bubo!!! – poste...
ne timu, diris mia lang'.
La povruleton altenlevis
mi, por ke iĝu li gigant'.

*Elhungarigis: Miklos FEHÉR.*



# Rakontas la glaĉerhomo

En altaj montaroj ĉiujare ne malmultaj personoj mortas pro akcidento inter rokoj aŭ sub neĝo. Se eble, oni tuj serĉas ilin por transporti la trovitajn mortintojn valen. Unu el tiaj trovoj okazis en 1991 ne post serĉado, sed hazarde. Kaj oni ne bedaŭris la viktimon, sed oni fakte ĝojis. Nu, kiun povas ĝojigi tia kadavro kaj kial?

Dum belega septembra tago geedza paro migris en la Aŭstra monto-regiono Ötztal. Paŝante trans mallarĝa blanka glaĉer-parto en alteco de 3200 metroj, ili subite haltis kaj fikse rigardis al io bruna. Unue ili pensis pri rubaĵo, nuntempe trovebla eĉ en la altaj Alpoj. Proksimiĝinte ili ekvidis magriĝintan kadavron, kies suba duono ankoraŭ restis frostiĝinta en la glacio. Lezo en la malantaŭa kapo-parto pensigis ilin pri mortigo. En proksima monta kabano ili raportis pri sia trovo; sekve la kabanestro vokis la policon. La venontan tagon venis savo-helikoptero kun policanoj, medicinistoj kaj savo-specialistoj, kiuj provis elhaki la kadavron el la glacio. Malfeliĉe, dum la laboro komencis ŝtormi kaj neĝi. Nur la sekvantan tagon ili povis daŭrigi kaj sukcesis elglaciigi mortan viron. Intertempe la mondfama monto-grimpisto Reinhold Messner estis vidinta la trovejon kaj supozis altan aĝon de la trovitaĵo.

Dum la savo-agado oni malkovris, krom la korpo, diversajn aliajn aĵojn, ekzemple arbo-hakilon el kupro, pafo-arkon ne plene elfaritan, ledan ujon enhavantan 14 sago-pintojn el ŝtono, kolo-pendaĵon (verŝajne amuleto) kaj dorso-sakon. Ĉio ŝajnis origini el alia epoko. La teamo baldaŭ estis certa, ke temas pri eksterordinara trovo kaj aranĝis specialan esploron en la universitato de Innsbruck.

Per C-14-analizo (aŭ radio-karbon-metodo) de haŭto-parteto, per kiu oni povas rekalkuli la morto-daton, la sciencistoj eltrovis – kaj preskaŭ ne volis kredi, ke la glaĉerhomo (aŭ Ötzi, kiel oni baldaŭ karese nomis lin) vivis en la lasta fazo de la ŝton-epoko (neolitiko). Verŝajne li mortis inter la jaroj 3300 ĝis 3400 antaŭ Kristo. Tio signifas, ke lia korpo kuŝis en la glaĉero ĉirkaŭ 5000 jarojn. Tion sciante, la sciencistoj traktis lin prudentege, kvazaŭ valoraĵon. Por bone konservi la kadavron, ili konstruis vitran ujon, en kiu la temperaturo konstante restas ĉe 6 minusaj

**VORTO-KLARIGOJ**

lezo: speco de vundo
fazo: tempo-parto
degeli: ŝanĝiĝi de glacio al akvo
muta: senparola
felo: besto-haŭto
anorako: speco de praktika palto
erco: mineralo
kulti: adori, preĝi

gradoj, simile kiel en la glaĉero. Alarmilo tuj atentigas pri neregulaĵoj. La konservado en tiu vitra ujo estas tre kosta. Tamen medicinistoj, genetikistoj, paleontologoj, arkeologoj kaj aliaj sciencistoj entuziasmiĝis pri tiu eksterordinara trovo. Multaj el ili volis esplori la kadavron laŭ siaj fakoj.



Nu, kio instigis al tia esploremo? Neniam antaŭe oni vidis korpon el tiu ĉi epoko tiom bone konservitan. Homoj dronintaj en nordaj Eŭropaj marĉoj aŭ kadavroj el la Siberia permafrosto (grundo konstante solida pro frosto) ĝenerale aĝas nur 2500 jarojn. Egiptaj mumioj atingas similan aĝon kiel la glaĉerhomo, sed la diferenco inter ambaŭ *estas, ke por la konservado la mumioj estis* speciale preparitaj kaj pro tio mankas al ili internaj organoj. Komputor-tomografiaj esploroj montris, ke ĉe la Alpa homo la plej granda parto de la enaj organoj restis bone konservita. Krome, lia ekipaĵo estis vivo-vera, ne tombo-ceremonia. Do unika laborkampo por esploristoj ĉiuspecaj.

Kial iris tiu homo en la montojn? Liaj leda kapo-kovraĵo, fela anorako kaj zorge preparitaj ŝuoj, remburitaj per sekaj herboj, indikas, ke li, tiam proksimume tridekjara, estis spertulo pri montoirado. Ĉu li estis survoje sola? Kial li mortis? Fidindaj spuroj de perforto almenaŭ ne estas videblaj. Eble li estis paŝtisto kaj provis retrovi perditan ŝafon. Aŭ ĉu li kiel ĉasisto volis ĉasi bestojn? Ĉu li eble serĉis kupro-ercojn? Tiam, komence de la metala epoko, ĝi estis grava metalo por fari diversajn laborilojn kaj ĉasilojn. Aŭ ĉu li kiel mesaĝisto ricevis la ordonon iri trans la montojn kaj porti mesaĝojn al aliaj homoj? Eble li private estis survoje kiel komercisto? Aŭ ĉu li finfine iris en la altojn por tie kulti siajn diojn. Pri ĉio ni nur povas supozi laŭ lia diversmaniere interpretebla havaĵo.

Pro kio li tiom bone konserviĝis? Esploristoj supozas, ke post la morto varmaj ventoj rapide sekigis la kadavron; insekto-larvoj tiam ne damaĝis ĝin ĉar, verŝajne malfrue en la jaro, ili ne plu estis aktivaj. Aliaj sciencistoj asertas, ke frost-sekigo kaŭzis la mumiigon. Neĝo glaĉeriĝonta konservis la korpon ĝis niaj tagoj, kiam pro ĝenerale konstatebla varmiĝo vastaskale degeladas la glaĉeroj. Nun, en nia epoko, la glaĉerhomo, silente kuŝinta sub

glacio tra jarmiloj, ne plu restas muta. Iom post iom li komencas rakonti pri si kaj sia epoko: bona sanĉo por ni, kiuj ofte vidas nur niajn proprajn ĉiutagaĵojn.

Ĉar la nekonata Alpulo estas aperinta en la limo-regiono inter Aŭstrujo kaj Italujo, politikistioj jam debatas pri lia fina depon-loko. La Aŭstroj certe ŝatus reteni lin en sia lando. Eble oni post la esplorado tamen transdonos lin al la plej norda Itala kantono Suda Tirolujo por publika eksponado.

Ĉu la glaĉerhomo – malgraŭ la interesoj de sciencistoj kaj politikistoj, malgraŭ la sensaciemo de la publiko – tamen iam havos trankvilan ĉerkon kaj eternan ripozon?

*Rössler Rita, Germanio*

Solvo de la krucenigmo en JA 93/1.



Solvo de la krucenimgmo en JA 92/4.






## Kiel fari senkostan bumerangon?

Oni bezonas nedikan kartonon, ĉirkaŭ 20 x 20 cm.

1. Eltondu la bumerangon (neinterrompitaj linioj — — — ) laŭ la desegnaĵo: AM = 9 cm, AB = AC = 2 cm, CD = 3 cm, DE = 1 cm;
2. Tranĉetu laŭ la punktitaj linioj (...........);
3. Fleksetu la areetojn **a**, **b** kaj **c** suben;
4. Tenu la bumerangon per la dekstra mano je unu fino vertikale supren, klinu ĝin iomete dekstren kaj ĵetu ĝin horizontale antaŭen donante al ĝi turnmovadon. Ĉu ĝi bumerangas?

*Walter KLAG, Vieno.*

30 HUF (40 HUF perpoŝte)
















Se plaĉas al vi *Fabela mondo*, nun regule aperanta en niaj mezaj paĝoj, vi povas aĉeti kvin 16-paĝajn libretojn kun simila enhavo de la sama aŭtorino. Mendu ĉe *Juna amiko*, pf. 193, H-1368 Budapeŝto. Vi ricevos:

- La kvin divers-titolajn libretojn
- Unu spegul-insignon kun verda stelo kaj la vorto 'Esperanto' (diametro 2cm., kun metala dorso kaj pinglo)
- La plejlastan numeron de *Juna amiko*

Aldonu al via mendo 8 int. respond-kuponojn (10 por aera ekspedo), aŭ ĝirilan aŭ alian pruvilon pri pago de 6 guldenoj (8 aere) al konto *juna-l* ĉe Universala Esperanto-Asocio kun indiko 'Fabela mondo'. Nur pagitajn mendojn ni plenumos!